# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tut- mondaj interesoj katolikaj**



**Esperanto-Organo de Internacio Katolika [Ika] kaj de Mondjunularo Katolika [Moka]**

5a Kolekto No 3 | Zug Svislando | Marto 1925


## 5ª Internacia Katolika kongreso.

**Oxford, Aŭgusto 1925.**

**Provizora programo**: La prezidantaro de Ika invitas al la 5a internacia kongreso. Kiel la ĝisnunaj, ankaŭ nia 5a konsistos el ĉefa kaj fakaj konferencoj.

**Ĉefa konferenco**: Traktos en 10 temoj pri la problemoj de **raso, nacio, nacia kaj etnika malplimultoj** laŭ katolika doktrino. 10 unuakvalitaj raportistoj el diversaj mondpartoj estas gajnataj.

**Fakaj konferencoj**: Okazos i. a. pri internacia juro, gazetaro, instruista kaj eduka problemo, komercistoj ktp.

**Speciala Eo-konferenco** por propagando estos preparata, **kie oni parolos nur en Esperanto.**

**Unuaj aliĝoj**: Com. G. de Noaillat, Tours; Msro Montero, Sevilla; Msro Pfeifer, Košice; Don Vercesi, Milano; grafo Jacinj, Milano; prof. Micola, Italio; prof. Carolfi, Cortemaggiore; Sro Solzbacher, Honnef ktp.

**Ĉiuj detalaĵoj en Aprila numero!**

## El la katolika movado.

**Salzburg (Aŭstr.)**: Al la tiea Zamenhofa festo lia ĉefepiskopa Moŝto, J. Rieder, sendis siajn bondezirojn, esprimante precipe sian ĝojon, ke Eo realigas praantikvan ideon kristan: la frateco de tutmonda homaro.

**Edinburgh (Skotlando)**: Laŭ E. K. refondiĝis la katolika skota ligo esperantista sub prezido de pastro C. Chase. Sekretario: M. Heron, 53 Canongate, Edinburg.

**Regensburg, Germ.**: Kurso en la tiea junmetiista asocio de L. Goppel; 10 partoprenantoj.

**Parma, Ital.**: Prof. Carolfi gvidas kurson; 34 lernantoj. La samo instruas en Piacenza 100 gelernantojn.

**Bari, Ital.**: Kurso en la ĉefepiskopa Seminario.

**Berlin**: La plej granda katolika ĵurnalo „Germania“ raportas en longa artikolo pri „Moka“ pledante multon por Esperanto. En Februaro katolika pastro Momertz publikigis artikolon pri „Radio kaj Esperanto“ en la granda katolika ĵurnalo „Kölnische Volkszeitung“.

**Essen, Germ.**: Diversaj Kursoj en la Ika-grupoj. La rekordon atingis nia kara pioniro Sro Antoniak, kiu gajnis 50 abonintojn de K. M. Li estu speciale laŭdata!

**Sendu mallongajn notojn el ĉiuj landoj!**

## Ĉu vi kredas je la misio de Esperanto inter la katolikaro?

La pesimismo estas la ĉionmortiga filino de la diablo; la pesimistoj — vole nevole — la kunhelpantoj de la malbona Spirito de detruo kaj neniigo!

Ĉu vi volas esti inter ili?

La pesimistoj estas la abomenindaj tombofosistoj de nia sankta movado!

Ĉu vi volas esti inter ili?

La pesimistoj estas la eternaj kverelemuloj senagaj! Ili ĉiam nur plendas, kritikas! Ili nur lamigas la entuziasmon de la antaŭenkuregantaj kuraĝuloj! Ili disrompas la esperojn de la esperofortaj pioniroj! Ili disorganizas la proprajn batalĝojajn legionojn!

Ĉu ankaŭ vi volas esti inter ili? Jes aŭ ne? Decidu tuj! Nun! Hodiaŭ!

Ĉu vi ne pli vole aniĝas al la ĉiutage kreskanta armeo, ĝoja kaj forta, de la esperoplenaj optimistoj!

Kiuj kredas vive kaj forte je Dio, la Patro de ĉiuj hominfanoj.

Kiuj vive kaj forte kredas je Jesuo, la luma, glora Mortvenkinto, kiu elĉielen alportis la sanktan Dian Regnon por savi la suferantan homaron al ĝoja, ĉiela, ĉionvenka optimismo.

Kiuj kredas je la fina venko de la Dia Amo kaj Regno inter la mizeraj homfratoj, — malgraŭ la maroj senfinaj de malamo, malgraŭ la gigantaj montaroj de pekoj kaj disiĝoj inter la nuna naciaro;

Kiuj humile kredas je la Dia, sankta misio de nia movado inter la katolikaro: per unu komuna lingvo unuigi fratojn kaj fratojn, korojn kaj korojn el ĉiuj lingvoj, rasoj kaj nacioj al unu kredoforta armeo, plena de kuraĝo kaj espero!

— Ĉu vi ne volas esti inter ili? Jes, karaj amikoj el ĉiuj landoj! Ekstarigu ni la standarton de la kruco de Jesuo, signo de espero kaj venko; marŝu ni antaŭen, fiere portante la verdan stelon je la brusto! Antaŭen! Ni preĝu kaj agadu, laboru kaj esperu! Ni kolektu novajn soldatojn! Novajn pionirojn! Ĉiu almenaŭ dek... almenaŭ kvin... almenaŭege unu...! Ĉu tio estas tro multa?

Antaŭen kun Dio, la fonto de espero kaj forto kaj venko! Estu ni katolikaj „esperantistoj“! La Vokanto.

## Abner la Judo.

Verkis A. T. Sadlier; trad. Dom W. Broens, St. Vincent insulo.*)

Abner la judo loĝis sole en sia malgranda butiko en kruĉstrato de la granda metropolo, negocante tiajn galanteriaĵojn, kiajn povis aĉeti la malaltklasa popolo en lia ĉirkaŭaĵo. Oni konsideris lin riĉa — kiel estas kutime la reputacio de la infanoj de Izraelo — sed efektive liaj profitoj estis malgrandaj kaj la sumoj, kiujn li amasigis, estis frukto de ruza ŝparemo kaj de senĉesa memdeteno. Nun li estis sole; li havis filinon, kiun li fierkore nomis Estero, ĉar ŝi estis „treege bela“, kun ĉarma rido en la okuloj, la rido de la mateno. Kiam ŝi tamen plenkreskis al virineco, ŝajnis al Abner, ke ŝi estis precise similia al sia biblia pratipo...

Sed Estero foriris de li; ŝi edziniĝis kun viro riĉa, kristano almenaŭ laŭnome, kiu ŝin forprenis al la alia flanko de l'oceano, por ke ŝi estu disa de sia antaŭa ĉirkaŭaĵo. La magia amoforto sklavigis ŝin eĉ pli ol la rebrilo de l'oro...

Abner, restanta sole, sentis sin mem subite tre maljuna kaj ekkaptita de kruela soleco, fremdulo en fremda lando. Starante kiel la ceteroj de sia raso, nome kun „okuloj inversaj“, — obstine deturnitaj de la lumo leviĝinta en la Oriento, li penege kaj konscience plenumis siajn antikvajn ceremoniojn.

*) El la katolika gazeto „Catholic News“, Trinidad.

En sia butiko li ĉiam estis vestita per pufofaldita robo, zonita ĉirkaŭ la talio per leda rimeno; sur la kapo estis granda ĉapo kaj la longa barbo, fluanta kiel garbo, donis al li apartan similecon al antikva patriarko.

Je malbela tago — dum malfrua aŭtuno, kiam la butiko ŝajnis pli malluma kaj malbela ol iam ajn, la sonirilo de la butiko sonoriĝis akresone. Abner venis rapide el la malantaŭaĵo kaj ekrigardis antaŭ la pordo la figuron de virino maljuna. Momento de paŭzo, tiam li demandas:

„Kion vi bezonas?“

— „Bonfaradon.“

Tiu ĉi respondo ekmirigis lin. Neniam dum sia restado en tiu parto de la urbo tia peto tuŝis liajn orelojn. Li faris ĉiam siajn proprajn bonfarojn; ĉar li plenumis diligente la ordonojn de la Antikva Leĝo koncerne almozdonojn — kaj li donacis malavare al tiuj de sia raso. Regule ja ne estis multe da almozpetantoj inter ili... sed ĉi tiu virino estas evidente nehebrea.

„Ĉu vi venas peti bonfaron de mi?“, respondis milde la judo. „Ĉu ne estas kristanoj en la urbo?“

— „Mi petis ilin, sed mi estas repuŝita“, diris la virino kuraĝe. Mi malsatas. Pli malbone ol tio — hejme mi havas du infanojn, pereantaj pro manko de nutraĵo.“

La grandaj okuloj de Abner ŝajnis plenpensaj. Evidente li pensas multe — kaj en lia mento fiksiĝas vortoj de la Biblio, kiuj ŝajnis enkuraĝigi bonfaradon al fremduloj. La virino dezirege atentis lian vizaĝon, kaj fine ŝi interrompis liajn meditojn:

— „Mi ne estas tute ordinara almozpetulino“, ŝi diris, „iam mia situacio estis alia. Estas tre ĝena por mi demandi helpon, peti vin pruntedoni al mi iom da mono interŝanĝe de pentraĵo.“

Abner alrigardis la petulinon; li perceptis, ke ŝia aspekto, voĉo kaj konduto pli evidente certigis la veron de ŝia diraĵo ol la nudaj vortoj.

„Mi ne estas monpruntedonulo“, li asertis samtone.

— „Se vi estus tia, mi ne venus al vi“, respondis la virino. „Estas tro multe da ‚ŝarkoj‘ inter tiu fratularo.“

„Ĉu vi scias, ke mi estas judo?“

— „Adoranto de Dio, la Patro, almenaŭ“, respondis rapide la virino. „En nomo de Jehova mi petas de vi ĉi tiun malgrandan helpon.“

La hebreo respekteme senkovrigis sian kapon. Li sentis, ke li ne povas rifuzi la peton. La virino, komprenante lin, tiris la pentraĵon el la mantelo: ĉarma miniaturo riĉe enkadrigita. Abner ekprenis ĝin kaj vidis, ke ĝi montras la Sanktan Virgulinon.

„Mario de la reĝa domo de Davido“ li rimarkis memkonscie.

— „Patrino de la Dia Graco“, diris la virino, aludante al la latinaj vortoj sur la kadrorando. (Daŭrigota.)

# Katolika politiko tutmonda.

II.

Homoj, kiuj pensas en kontinentoj kaj tra centjaroj, estas raraj. Vi trovas ilin inter la plej „internacia nacio", la judoj, kies natura kapableco, pensi tra grandaj distancoj kaj longaj templimoj, estas admirinda.

Vi trovas ilin ankaŭ inter la „kristanaj" kapitalistoj, kies cerboj ne konas limojn de patrolandoj nek barojn de oceanoj, kiam ili povas profiti.

Vi trovas ilin en la rondoj de la eterna Romo, kie la religia idealo instruas pensi en la eternaĵoj kaj mondvasten direkti la spiritajn okulojn . . .

La granda amaso tamen de la eruditaj homoj precipe en Eŭropo, pensas nur en tre limigitaj distancoj kaj pri tre malvastaj kampoj: nur la plej proksimaj urb- aŭ provinc- aŭ ŝtataferoj. La grandaj tutmondaj deziregoj kaj problemoj de la homaro restas plej parte ekstere de ilia spirita sfero. Ili ne kapablas akcepti la grandajn spiritajn ideojn kaj sociajn problemojn, kiuj senĉese trafluas la korpon de la homa societo.

Prave oni povas kompari la homan intelekton kun radioaparato. Nur speciale konstruitaj akceptiloj povas ricevi la longajn ondojn, kiuj trafluas la aeran oceanon . . . sed la malgrandaj aparatoj nur akceptas ondolongojn ĝis 300 aŭ 700 metroj, venantaj de plej proksima sendstacio . . .

Bedaŭre ni ankaŭ devas konstati inter la granda amaso de la katolikoj similan malvastan horizonton, kvankam ili laŭ nomo kaj profesio devus havi la mondvastan horizonton de la Dia Regno, daŭranta tra miljaroj kaj etendiĝanta tra ĉiuj kontinentoj.

Jen, ĉefa kaŭzo, ke ni ne havas grandstilan politikon katolikan tutmondan; ke la katolikoj ne havas **indan placon inter la unuaj rangoj je la solvo de la homaraj problemoj tutmondaj.**

Fakte, se ni trakuras la terrondon kristanan: en Suda kaj Norda Ameriko, kie ne tute vivas triono de katolikaro, ni ne trovas iun celscian, laŭplanan partoprenon de katolikoj je internaciaj rilatoj. Certe apartaj personoj laboras en admirinda maniero, sed la katolikaro kiel societo eĉ ne diskutis serioze ĉi tiun demandon gravan.

La katolikaj de la angla mondimperio estas laŭnombre tro malmultnombraj (pensu, ke en la angla mondimperio eble ĉiu 10a loĝanto estas kristano kaj eble ĉiu 50a estas katoliko!) por grandstile iniciati katolikan mondpolitikon. Tamen ni povas konstati, ke lasttempe la angla katolika komitato por internaciaj rilatoj (Catholic Council for international relations) kun admirinda kuraĝo kaj sukceso ekkomencis agadi por vigla partopreno de la katolikoj je internaciaj aferoj.

En la kontinenta Eŭropo ni certe trovas en diversaj ŝtatoj katolikajn aŭ kristanajn partiojn; ni trovas ankaŭ influajn personojn, kiuj rekonas la absolutan necesecon de internacia katolika agado politika. Tamen la katolikoj, kiel societo internacia nenie ĝis hodiaŭ serioze okupis sin pri tiuj devoj kaj taskoj. Krom tio la katolikoj estas tro disŝiritaj en nacioj, nacietoj kaj partioj, ke en proksima tempo ne estas espero por vastanima unueca agado.

Ni eĉ devas konstati, ke la influo de la katolikoj en la apartaj ŝtatoj de Eŭropo denove malpliiĝas, ekz. en Germanio kaj Francio, dum la diktatora sistemo en Italio kaj Hispanio malebligas la agadon de katolikaj partioj.

Eble iu povus demandi: bonaj teorioj estas tiaj. Sed mi ne povas vidi klare, kiajn taskojn havus tia internacia agado politika. Mi eĉ timas, ke pro dispartiĝo de la katolikoj en diversaj direktoj: monarĥistoj, demokratoj, respublikanoj, kristanaj socialistoj ktp. nur naskiĝus granda konfusiĝo, tiel ke la nuna stato de senagado ŝajnas preferinda.

Nu, viaj kontraŭdiroj estas seriozaj, tamen facile refuteblaj.

Kio estas politiko? Laŭ Aristoteles kaj Tomaso **la sinokupo per la publikaj aferoj**; do internacia politiko sinokupo per la **internaciaj aferoj publikaj.** La internacia katolika politiko tutmonda do havas la taskon, **laŭ la katolikaj principoj ordigi la internaciajn rilatojn de la homaro.** Ĉu tia ne estas granda tasko; ĉar la internaciaj aferoj de la homaro estas tiom multaj, ke ni ne povas ilin aparte elnombri; ni nur mencias kelkajn: la kreo de internacia juro; la internacia trafiko; la internacia kolonia problemo; la interlingva demando; la homa interpaciĝo; en ĉiuj ĉi problemoj la katolikaro pli malpli estas rekte interesata, ĉar tute ne estas egale, ĉu en tiuj demandoj estas respektataj la katolikaj principoj kaj interesoj cu ne.

Mi tamen povas nomi ankore pli konkretajn taskojn, el kiuj estas tuj evidenta, ke ili tuŝas la internaciajn rajtojn de la katolikaro: la internacia arbitracia tribunalo kaj la Papo; la Ligo de la Nacioj kaj la respekto de la katolikaj interesoj tutmondaj; la kolonioj kaj la katolikaj misioj; la enmigrada demando kaj la konservo de la religio; la problemo de Palestino; la internacia garantio de kristana edukado ktp. . . .

**Ĉiuj ĉi grandaj demandoj estas ĝis hodiaŭ plej parte decidataj sen ke la katolikaro estus iel demandata**; sen ke la katolikoj sin eĉ serioze okupus pri tiuj demandoj. **Ni do ne miru, se la katolikoj ne havas influon sufiĉan je la novordigo de la mondo, kvankam ili estas la plej multnombra homa societo.**

La aliaj kontraŭdiroj per ĉi tiu fundamenta klarigo refutiĝas de si mem. Ĉar oni vidas el la naturo de la taskoj, ke tiuj ĉi problemoj solvotaj plej parte estas **super ĉiuj naciaj aŭ partiaj interesoj.** Ili tuŝas la katolikaron kiel societo. Do kompare al la graveco de tiuj demandoj estas sendiferenca, ĉu la aparta katoliko estas monarĥisto aŭ respublikano.

Precipe grandaj estas la taskoj de la katolikaro en Eŭropo. Ĉar tie kaj en proksima oriento nuntempe **decidiĝas la grandaj sortoj de la kristanaro.** Ĉu la katolikoj de Eŭropo ekkonos sian devon? (Pri tio en aparta artikolo.)

Kion nun fari? La unua tasko estus, ke la katolika publika opinio komencus sin okupi serioze pri tiaj demandoj. Tiam certe oni trovas praktikajn vojojn de solvo. (Daurigota.)

K. Mayr.

# Gravaj problemoj de la nuna mondpolitiko.

Inter la malgrandaj aferoj de la ĉiutaga politiko certe estas interesa, memori kelkfoje problemojn tutmondajn, kiuj decidas pri la sorto de la homaro. Ĝis la mondmilito Eŭropo estis la fakta centro de la mondo. Ĉiuj aferoj gravaj estis decidataj en la eŭropaj kabinetoj. La milito disrompis por ĉiam la hegemonion de Eŭropo kaj la natura sekvo de tio estis, ke novaj fortocentroj evoluiĝis tra la terglobo, kiuj nun pli malpli influe decidas la homaran evoluon.

Ĉefa problemo restas ĉiam ankoraŭ la resaniĝo de la vundbatita kaj disŝirita Eŭropo. La diversaj proponoj, garantii per tiu aŭ tiu ĉi „garantia pakto" la sekurecon de Eŭropo, montras pli evidente ol iu alia okazintaĵo, ke la daŭra repaciĝo de Eŭropo estas malproksima.

Dum Eŭropo tiel restas senforta sklavino de aliaj mondpotencoj, la proksima kaj malproksima Oriento pli kaj pli estiĝas nova centro de la politika evoluo. Malgraŭ la teruraj enŝtataj mizeroj (malsato kaj senlaboreco) la Sovieta Reĝimo en Moskvo plifortiĝas kaj etendiĝas ĝis la limoj de Hindujo kaj Ĥinio. Novaj sovietrespublikoj kreiĝis en tiaj teritorioj kaj estas la semo por la dissolviĝo de la tieaj ŝtatsferoj. La reciproka kontrakto inter Rusio kaj Japanio evidente montras, ke la vizaĝo de la Rusa imperio turniĝas momente orienten.

# Junula Angulo.

### Monata rubriko por Mondjunularo Katolika (Moka-Ika-junularo).

Redaktata de Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh., Germ., Spiesgasse 1.

(Ĉiujn manuskriptojn oni sendu nur al tiu ĉi adreso.)

### Junulmovado.

Juneco estas kreskado, evoluado. Tiu kreskado kaj evoluado influas la tutan homon, korpon kaj animon. El la korpa kreskado devenas la unua ligilo kuniganta ĉiujn junajn homojn. Sed estus eraro konsideri ĝin kiel la solan kaŭzon por la interligiteco de la junularo. El la anima evoluado de la junaj homoj estiĝas pli alta idea komuneco, kaj grupo kunligata per speciala anima celado elstavas el le ĝenerala komunumo.

Por la katolika junularo ekzistas sur tero nur unu celo: realigi la altan homecon, kia ĝi estas instruata de la eklezio de Dio. Ĝia idea komunumo do estas la katolika eklezio, kiu fondiĝis per la homiĝo, instruo kaj mondsavo de Kristo. En la eklezio ni ricevis depost la infaneco edukon kaj instruon, kaj kiu ĝoje kun sia tuta estado kaj volado vivas en tiu komunumo de la infanoj de Dio, tiu estas infano de Dio, imitanto de Kristo, tiu sola estas vera kristano, katotiko.

Sed kiam epoko multege malproksimiĝis de tiu alta homeco, kiam la distanco inter la ideala kaj la reala statoj estas tiom giganta kiom en nia tempo, tiam okazas, ke ideale pensantaj, precipe junaj homoj levas siajn okulojn el la koto, en kiu preskaŭ dronas la homaro, al la ŝteloj, por ree per kuraĝaj paŝoj marŝi al la eterna, neŝanĝebla celo de nia surtera pilgrimado. El tiu kontrasto do estiĝas la ĉiam ripetiĝanta movado de la junaj en koro homoj, tiam ekkreskas junulmovado.

Renovigo do estas la senco de katolika junulmovado. Ĝi ne serĉas novajn celojn nek novajn vojojn — la homojn ĝi volas renovigi, transformi por denove iri la malnovan vojon al la eterna celo. Ĉar kial ĝi serĉu, kies gvidanto estas tiu, kiu diris pri si: „Mi estas la vojo, la vero kaj la vivo!" La naturon de Johano havas tiuj junaj homoj, ĉar ilia predikado egalas la alvokon de la Baptisto: „Metanoeite!" (Aliiĝu en viaj koroj!) Ofte ili ja estas vokantoj en la dezerto, oni nomas iliajn vortojn akraj, radikalaj, ekstremaj, oni kontraŭbatalas ilin, sed ankaŭ Jesuo ja parolis akre kaj radikale, ankaŭ li estis kontraŭbatalata kaj persekutata.

La junulmovado volas renovigi, ĝi volas formi ne duonajn, sed tutajn homojn. Juneco estas kreskado kaj evoluado, esenco de la junulmovado do estas progreso kaj vivo. Tiu vivo kaj viveco estas neado de ĉio malviva, rigida, artefarita, duonperfekta, putra, ĝi estas absoluta sindonado al movado kaj moviteco, al evoluo, progreso, ŝanĝo, pliboniĝo, al venko kontraŭ ĉiaj malfacilaĵoj kaj baroj, al formanta laborado kaj agado. El tiu viveco kaj malamikeco kontraŭ ĉio rigidiĝinta ankaŭ estiĝas la eksteraj aperaĵoj de la junulmovado, la batalo por natureco kontraŭ rigidaj formoj de la moderna civilizacio, kontraŭ modo kaj alkoholkulturo, la amo al naturo kaj simpleco, al migrado kaj kantado. Ĉi tiuj eksteraj formoj de la junulmovado ne estas ĝia esenco, ili do ne estas konstantaj, rigidaj. Junulmovado povas ekstere aspekti multspeca, varia.

Junulmovadoj ekzistas en ĉiuj landoj. La eksteraj formoj estas diversaj laŭ la nacia karaktero, sed ĉie la esenco estas egala. Katolika junulmovado vivas ne nur en siaj specialoj grupoj, sed ankaŭ en la grandaj junulasocioj ĉie apostolaj kaj junulmovitaj homoj agas kaj batalas kaj senĉese daŭrigas sian laboradon por la renovigo.

Famkonata kardinalo diris, ke en niaj mallumaj tempoj Kristo kaj la eklezio havas grandan esperon: la junulmovadon. La ritmo de la vivo, kiu vibras en ĝi, la ritmo de la nova homaro signifu al ni la aŭroron de nova mondo, de „Katolika Mondo". W. S.

### El la tutmonda junularo katolika.

„Sillon catolique" en Francujo. (El letero de Adolphe Bonno, Rennes.) Ĉe ni ankaŭ ekzistas junulmovado, al kiu la demando pri mondpaco ne estas indiferenta. Mi aludas al la „Sillon catholique" (katolika sulko), kies celo estas enigi en la demokration kristanajn idealojn. Sed por tio oni bezonas pacon, unue socialan harmonion inter la ŝtatanoj de la nacio, sed ankaŭ interpopolan pacon, kiun ja postulas la spirito de la kristanismo. Ĝi estas por ni necesa tasko, eĉ se

# Internacia revuo.

**La internacia paco.** La aspekto de la mondo rigarde al internacia repaciĝo estas malmulte enkuraĝiga. La „protokolaro de Genevo estas entombigita. La nacionilistoj de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj triumfas. Certe oni diskutas ankoraŭ ... Oni diskutas pli multe ol iam pri la „sekureco“ de Eŭropo, pri garantia pakto inter la grandaj potencoj por garantii la Rhejn-limon aktualan. Oni diskutas pri la kreo de „interdanuba“ ekonomia teritorio, por restarigi la ekonomian unuecon de la danubaj ŝtatoj. Oni diskutas pri nova senarmiĝa konferenco en Washington por limigi la konstruon de la markaj aeromilitŝiparoj. (Notu ke la lasta konferenco de Washington havis ĝuste kontraŭan efikon. La ŝtatoj kiuj decidis malpliigi la grandajn militŝiparojn, certe detruis kelkajn malnovajn grandajn dretnaŭtojn, sed ili novkonstruis des pli multe da malgrandaj krozoj, kiuj estis esceptitaj el la kontrakto, tiel ke la rivala armiĝo takte daŭris. Lasttempe ni legis en katolika revuo Usona (Catholic Club) entuziasman alvokon: Usona devas havi la plej grandan milŝiparon de la mondo ... Si vis pacem, para bellum!!). Jes, oni diskutas, ... oni jam longe diskutis ... anke antaŭ la mondmilito lasta oni diskutis ...

Sed ĉiam, kiam oni postulas realigon de senarmiĝo, oni silentas ... Tamen estas ankaŭ rimarkindaj signoj de pliboniĝo, ekz. la redukto de militservo en Francio, la senarmigaj klopodoj en Danio kaj Svedio. — Intertempe tamen aliparte kreskas la militemaj tendencoj. Pripensu ni, ke la sovietaj respublikoj havas plej moderne ekipitan armeon de 600.000 soldatoj; lasttempe ĝi mendis ĉe angla firmo 30 plej grandajn kanonojn, plurajn centojn da flugilmotoroj, plurajn milojn da plej modernaj maŝinpafiloj ...

**La nova danĝero de la bolŝevismo.** Ĉis nun oni precipe atentis du danĝerojn, per kiuj bolŝevista movado minacas la ekzistadon de la kristana societo: unu, ke ili kreas antaŭ la pordoj de Eŭropo ateistan fortegan imperion kun fortega armeo por renversi okaze de la atendata komunista revolucio la tutan okcidenton. La dua estas la renversaj tendencoj de la komunistaj „ĉeloj“, kiuj havas la taskon subfosi la nunan socian staton en ĉiuj nacioj kaj prepari la mondrevolucion.

Sed nun estas klare, ke la bolŝevismo eltrovis novan tre efikan ilon por realigi sian batalon kontraŭ la kapitalista oriento: ĝi **instigas ĉie la rasinstinktojn de la indeĝenaj rasoj kontraŭ la eŭropanoj kaj usonanoj** por rompi la hegemonion de la fremduloj. Ekz. ekzistas en Taschkent speciala lernejo por instrui la propagandistojn por tuta Asio kaj Norda Afriko kaj lasttempe, dum kongreso de propagandistoj en Baku kunvenis 2000 delegitoj el tuta Asio por trovi komunajn direktilojn por la „**krucbatalo kontraŭ la okcidenta imperialismo**“. Se ankaŭ tiaj agadoj ne portas tuj videblan frukton, tamen ili estas evidenta signo de la venonta evolucio; semeroj de la diablo ...

**La forpelo de patriarko el Konstantinopel.** La tuta Kristana oriento estas malĝoja pro la forpelo de la greka patriarko. Certe en tiu ĉi agado la politikaj interesoj inter Grekio kaj Turkio ludas grandan rolon. Tamen estas doloriga por la tuta Kristanaro, ke ĉi tiu miljara seĝo patriarka Kristana estas en tiom malindaj kondiĉoj forigata per nekristana potenco! Nenio montras tiom klare la senpovon kaj neniiĝon de komuna kristana konscienco, se ni komparas la entuziasmon, per kiu la kristanaj armeoj de la Mezepoko eliris por regajni la kristanan posicion en Oriento ...

**La Oriento kontraŭ la Okcidento.** La mondmilito montris al multaj indiĝenaj popoloj la veran vizaĝon de Eŭropo; parte ili mem devis militservi en la eŭropaj militkampoj, parte ili vidis en propraj landoj la neniigan interbataladon de la „blankaj monelestroj“. Nun, depost la milito ili sentas la kompletan senpovon de la eŭropa naciaro. Aldonu ni, ke depost la venko de la japanoj kontraŭ la giganta blanka rusa imperio en 1905, kiam unuafoje la etendiĝaj tendencoj de la blanka raso devis sin retiri antaŭ la flava raso: kaj ni komprenos, ke la ekvigliĝo de la Oriento kontraŭ la Okcidento estas nediskutebla fakto. La rekonstruo de la nova turka respubliko, kiu fiere disrompis la packontrakton de la eŭropaj ŝtatoj de 1919, estis la dua granda venko de la Oriento kontraŭ la Okcidento; kaj la fakto, ke la turka registaro deklaros la aferon de la patriarkato kiel internan aferon de Turkio, montras terure la verecon, ke la turka registaro neniom respektas la okcidentajn potencojn.

Aldonu ni plue, ke en Hindio estas fortega movado kontraŭeŭropa, kiu batalas per pacaj iloj, tamen des pli akre! Dum lasta tuthinda Kongreso de la „Hindou“ la aŭtonomistoj venkis kaj la proklamo de la ĝenerala boikoto de eŭropaj varoj estas serioze realigata. — Ĉie en tuta Oriento kaj Norda Afriko, estas konstatebla vigla reviviĝo de la religiaj kaj rasaj instinktoj, La fakto, ke la mahometanoj reekprenis grandstile la misioagadon en tuta norda Afriko kaj la „rebelio“ de la „kurdoj“ pro religiaj motivoj kaj la konkeroj de la „wahabiti“ en Arabio certigas, ke en la mohametana mondo vivas ankoraŭ grandegaj religiaj fortoj.

Konkludo: **Renversiĝo de ĝisnuna mondordo evidente prepariĝas. Certe tiuj progresoj de la kontraŭkristana mondo ne estas tuja danĝero. Tamen estus necesega, ke la kristanaro serioze sin okupus pri tio, ne pro politikaj, sed pro religiaj kaŭzoj; necesege estus, ke almenaŭ la katolikaro de Eŭropo retrovus la spiritan unuecon de la Mezepoko, konsciante, ke la venontaj, ĉu videblaj kaj materiaj, ĉu**

## Gravaj problemoj
(daŭrigo).

Alia tre grava problemo restas la estonto de la Pacifika Oceano, kie Usono kaj Japanio disputas pri la hegemonio. La fakto, ke Japanio garantias al si la neutralecon de Rusio kaj Ĥinio (por esti sekura je la okzidenta flanko) kaj ke la grandaj manevroj de la giganta usona militŝiparo sin direktas rekte kontraŭ japana atakebleco evidentigas, ke la teruraj metodoj, kiuj kaŭzis la ruinon de la eŭropa mondhegemonio, estas transplantataj en la Pacifikan Oceanon.

Ne malpli interesa estas la evoluo de la politikaj cirkonstancoj en la Hinda Oceano. Estas konata fakto, ke la Hinda Oceano estas reale „la angla maro“. Ĉar tie koncentriĝas la fortoj de la brita mondimperio. Je la bordoj de la hinda oceano loĝas preskaŭ 3/4 de la anoj de tiu mondimperio. Ĉiuj pli gravaj punktoj de la suda pinto de Afriko ĝis la kanalo de Suez, tra Arabio, Mesopotamio, Hindio ĝis Hongkong kaj suden ĝis Australio kaj Oceanio estas en la manoj de tiu mondimperio. La lastaj decidoj, krei novajn fortikaĵojn en sudĥina marlimo certigas la tendencon, plej forte defendi la hindan oceanon kontraŭ la eblaj etendiĝoj de la japana aŭ ĥina popoloj. La konsekvo de tiuj evoluoj estas, ke Japanio kun sia rapide pligrandiĝanta loĝantaro, per Usono ekskludita el la Pacifika Oceano, per la brita imperio el la hinda maro similas al kaldronego, kies vapormasoj ĉiam pliiĝas sen trovi naturan eliron ...

Certe en tiaj malfeliĉaj evoluoj estas grandaj danĝeroj por la homara paco, precipe se ni pripensas, ke la tuta oriento nun komencas ekvigliĝi el multcentjara dormo kaj ke la tieaj popoloj plej parte posedas rimarkindan miljaran civilizacion memstaran. K. M.

---

ĝi ne estus speciale alcelata kaj akcelata per la lastaj enciklikoj de Benedikto XVa kaj Pio XIa. En socialaj problemoj kaj en demandoj de moralo la „Sillon“ sekvas la eklezion. Ĝi celas eduki eliton de katolikaj ŝtatanoj, kiuj konscias pri sia respondeco en la socio kaj kiuj estu kvazaŭ fermento por la edukado de la tuta popolo. Nia movado ĉerpas sian forton el la interna vivo, intime kunligante la animon kun Dio per legado de la evangelio kaj pripensado pri ĝi, per preĝado kaj precipe per la sankta komunio. Ĉies vivo gajnas per ĝi tiom da forto, ke oni povus diri kun Sankta Paulo: „Ne mi vivas, sed Kristo en mi.“ En nia urbo Rennes dekduo da junaj homoj estas en la „Sillon“. Ni konas neniajn socialajn kontrastojn, neniajn klasojn, ni ĉiuj estas fratoj de Kristo. Inter ni estas laboristoj, oficistoj, inĝenieroj kaj studentoj. Ĉiusemajne ni kunvenas ĉe amiko. Post legado el la evangelio unu el ni faras malgrandan paroladon pri in demando, kaj post tio sekvas diskutado plej ofte tre vigla. — Krome ĉi tie ekzistas grupo de la „Jeune République“ (Juna Respubliko) kaj studenta grupo de la Societo por la Ligo de Nacioj, kiuj laboras por la paco.

**La Internacia Asocio de Katolikaj Junmetiistaj Unuiĝoj. (Verband katholischer Gesellenvereine.)**

(Pri ĝiaj fondo kaj fondinto oni relegu la interesan artikolon de Anton Schmitt en la 3a kolekto de KM, n-oj 4/5 kaj 6/7.)

Unu el la plej grandiozaj socialaj institucioj estas la Asocio de Katolikaj Junmetiistaj Unuiĝoj, kaj oni estis prava nomante ĝian fondinton Adolf Kolping kaj la famkonatan episkopon Ketteler de Mainz la du socialaj apostoloj de Centra Eŭropo.

Multe da junaj metiistoj tramigras la mondon, kaj grandegaj danĝeroj minacas ilian sanon kaj iliajn religian kaj moralan sentojn. Jen helpas la metiistaj unuiĝoj: En preskaŭ ĉiuj urboj ekzistas katolikaj metiistaj domoj, kie la migranto senpage povas pasigi la nokton, kie li dum la vespero povas sidi ĉe honestaj kamaradoj, kie li ofte renkontas pastran amikon, kiu volonte donas al li bonajn konsilojn ĉiuspecajn. La unuiĝoj ankaŭ faras gigantan laboron por klerigi siajn membrojn kaj doni al ili solidajn sciojn por ilia profesio kaj la publika vivo. Unue la unuiĝoj konsistis nur el metiistoj, sed nun ili estas multe pli, ili enhavas junulojn kaj junajn virojn de ĉiuj profesioj, kiuj en ili ĉerpas multe da intelektaj kaj moralaj trezoroj por sia vivo.

La plej grandan disvastigon havas la asocio en germanlingvaj regionoj, sed ankaŭ en aliaj landoj ĝi iom post iom enradikiĝas. Unuiĝoj nun ekzistas en Germanujo, Aŭstrujo, Danzig, Svislando, Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Polujo, Nederlando, Italujo, Francujo, Belgujo, Svedujo, Usono kaj Brazilio. Centro por la tuta organizo estas Köln (Kolonjo), kie ja ankaŭ estas la tombo de la fondinto. Oni nun kun granda fervoro kolektas monon por konstrui grandan domon en Romo. La oficiala organo „Kolpingsblatt“ eliras dufoje en la monato kaj havas eldonciferon de 75.000 ekzempleroj.

Nun jam depost pli ol 75 jaroj laboras la asocio, kaj kiom ankaŭ la eklezia aŭtoritato aprobas ĝian agadon, oni vidas el letero de Kardinalo Gasparri al la mortinta (la 27. septembro 1924) pastra ĉefgvidanto Monsignore Schweitzer, en kiu li i. a. skribas: „La Sankta Patro tutkore deziras, ke la junaj viroj, nia espero por la estonteco, je ilia konduto estu gardataj kontraŭ eraroj kaj korupto, je kiu nia tempo ja estas ĝismorte malsana, kaj ke ili grandiĝu en kristanaj tradicio kaj disciplino. Pro tio Lia Sankteco treege ĝojis pri la informo, ke la Metiista Unuiĝo, kiun la simpla, pia pastro Adolf Kolping antaŭ 75 jaroj fondis kaj kiun nun vi kiel lia digna posteulo gvidas, kreskas kaj floras en la arkidieceso de Köln kaj en tuta Germanujo kaj eĉ en multaj landoj de Eŭropo kaj de Norda kaj Suda Amerikoj por la bono de la animoj kaj por la utilo de nia sankta eklezio katolika“. W. S.

**Jugoslavujo.** En la kroataj partoj de la lando laboras en la rondoj de junaj katolikaj metiistoj kaj komercistoj organizaĵo „Hrvatski radisa“, gvidata de direktoro Kvaternik, Centrejo estas Zagreb. Ekzistas rilatoj al la „Verband katholischer Gesellenvereine“ en Köln, kies celoj kaj agadmaniero multe similas tiun de „Hrvatski radisa“. W. S.

**La IVa Internacia Katolika Junula Kongreso** aranĝata de Centra Komitato de la naciaj katolikaj junulaj asocioj (Juventus Catholica) okazos dum la Sankta Jaro 1925 en Romo.

nevideblaj kaj spiritaj, bataloj inter la grandaj rasoj kaj mondreligioj, decidos pri la ekzistado de Kristana kulturo de la okcidento, decidos, ĉu la eŭropa katolikaro, la natura defendanto de la eterna Roma pontifikato, estonte kiel estinte restos la spirita kaj religia centro de la mondo.

**La „prezo" de unu mortigita soldato.** Post tiaj meditadoj estas interesa mencii kelkajn nombrojn, kiuj montras evidente la absurdecon de la lasta intereŭropa memmortiga militado; en la „Neue Zeit", Chicago, USA, ni legas jenan vere „Usonan" rimarkon: La kostoj de la mondmilito laŭ mono kaj materialo estis 186.333,637.097 dolaroj (aŭ proksimume 930 miliardoj da svisaj frankoj!!!). La rezultato estis: 12,000.000 da mortigitoj kaj kripluloj. Se la armeoj estus laborintaj por produkti, ili estus kreintaj produktaĵojn en valoro de 151.646,942.560 dolaroj (proksimume 760 miliardojn da sv. fr.). Laŭ ordono de kelkaj diplomatoj do — neniu popolo estas ie demandata — oni elspezis 337.000,000.000 dolarojn (aŭ 1690 miliardojn da sv. fr. l. Red.) do la mortigo de unu soldato kostis 15.566·25 dolarojn (63.000 sfr.)... Plua komentaro superflua... Se ni povus aldoni la gigantajn sumojn da pekoj, krimoj, kaj senmoralecoj kontraŭ la Majesto de Dio, kiel kristanoj devus... certe la Dia Juĝonto prezentos alian kalkulon al la kristanaro ol tiu usona gazeto!! —

**Eŭharistia Kongreso en Chicago.** En la jaro 1926 la Eŭharistia Kongreso okazos en Chicago (Usono). La preparoj jam bone progresas. Chicago nun havas la duan rangon en la urboj de Usono kaj la kvaran de la tuta mondo. Ĝi havas ĉirkaŭ tri milionojn da loĝantoj kaj posedas 292 katolikajn preĝejojn. Pluraj novaj preĝejoj estos finkonstruitaj ĝis la kongreso. Oni jam preparas grandiozan eŭharistian finprocesion, kiu iros laŭlonge de lago kaj tra parko. Oni atendas ĉirkaŭ 500 ĉefepiskopojn kaj episkopojn.

**Reunuiĝa movado en Rumanujo.** En Rumanujo inter 16 milionoj de loĝantoj estas 4 milionoj da romkatolikoj. La aliaj apartenas al la greka skismo. La registaro nun intertraktas kun Romo, por fari konkordaton (kontraktoп) por la katolikaj ŝtatanoj. Tiun okazon multe da noble pensantaj rumanoj uzas por pledi por la reunuiĝa ideo. En la grava gazeto „Universul" profesoro de la universitato Bucureŝti publikigis artikolon, el kiu ni citas: „Malĝojiga pasinteco ĝis nun malhelpis reunuiĝon de la du eklezioj. Sed nun ni estas liberaj. Ĉu ni ne almenaŭ provu realigi la grandan ideon? Multaj eble kredas, ke ĝi estas senutila aŭ neebla. Tio ne estas ĝusta. Ni realigis la politikan reunuiĝon, kial ne same la religian? Ni ne plu estas rusaj kaj turkaj vasaloj. La batalo kontraŭ la katolikoj ne devas daŭri eterne... Per nia politika apogo al Francujo kaj Italujo ni atingis kontentigon de niaj ekonomiaj kaj naciaj deziroj. Ni restis liberaj kaj estas nek vasaloj de Francujo nek de Italujo. Ni nenion rezignas, se ni ankaŭ sur religia kampo denove kunlaboras kun ili."

## Recenzejo.

### Esperanto-literaturo.

**Amoro kaj Psiĥe** de Lucius Apulejus, trad. Em. Pfeffer. Eo-eldonejo Ellersiek & Borel. Berlin, Wilmstraße 5. 0.30 g. m.

La konata romano de la fama antikva verkisto el la lastaj tempoj de la pagana roma imperio.

**La lasta Usonano** de J. A. Mitchell, trad. Lehman Wendel, sama eldonejo. sama prezo.

Rakontas en interesaga maniero la pereon de Usono.

**El dramoj,** fragmentoj de Ifigenio en Taurido de Goethe kaj de La Rabistoj de Schiller, sama eld.; sama prezo.

Tiuj elcerpaĵoj el la traduko de Zamenhof montras la taŭgecon de Eo por klasikaj verkoj.

**Parvuli,** de Albert Bessières, trad. Ramo, Espero katolika, Paris. 1 fr. fr.

Rakonto de la famkonata jesuita pastro pri la unua komuniiĝo; rakonto ĉarma pri etuloj laŭ veraj faktoj.

### Internacia literaturo.

**Weltkirche und Weltfriede,** verk. Franciskus Stratmann, O. P., Haas & Grabherr, Augsburg, Germ. prez 10 g. m.

Klasika, epoka verko de la mond-konata pioniro de la paco kristana! Depost la eliro de la fundamentaj verkoj de Vanderpool, neniam plu en la katolika mondliteraturo aperis simile valora libro, enhavanta klare kaj precise la praantikvan doktrinon katolikan pri paco kaj milito. Ne nur ĉiuj germanaj amikoj legu tiun ĉi libron; ĝi estu tradukota en aliajn lingvojn!

**Krieg und Nationalismus im Lichte der katholischen Lehre.** Ika-eldonejo, Zug. 0.50 g. m.

La de la sama aŭtoro verkita libreto enhavas resumon de la supre nomita. Por amasa disvastigo!!

## Tra la Esperanta Mondo.

(Sub ĉi tiu rubriko ni publikigas gravajn sciigojn! Kunlaboru!)

**La XVIIa Universala Kongreso de Esperanto** okazas en Ĝenevo, 3—7 aŭg. (adreso: 12 boulevard de Theâtre); 1—7 aŭg. oni aranĝos internacian someran universitaton en Esperanto, kie famkonataj universitataj profesoroj prelegos pri kvar sekcioj: pedagogio kaj psikologio, lingvoscienco, fiziko kaj tekniko (radio!), internacia juro.

**La XIa Internaciaj floraj ludoj:** okazos samtempe kun la 12a Kataluna Eo-Kongreso en Palma de Mallorca 21—24 majo. Premioj multaj de entute 2000 pesetoj instigas la verkistojn al partopreno je la konkurso.

**La Xa Kongreso de IKUE** okazos 13—16 aŭg. en Paris; oni intencas interesigi pli vastan publikon diskutante pri la „Katolika gazetaro en la mondo". Kongressekretario: nia kara amiko prof. P. I. A. Muffang.

**Radio kaj Esperanto:** Eo-movado plej multe profitas de la disvastiĝo de Radio. Internaciaj Eo-radiokluboj kaj movadoj ekzistas diversaj. Estus tre dezirinde, ke certa unueco kaj organizado okazus. Preskaŭ ĉiuj grandaj sendstacioj jam donis Eo-kursojn aŭ reportas pri Eo. La radio-stacio de Ĝenevo estas oficiale transdonita de la registaro al la tiea Eo-societo, kies estro estas dro E. Privat, prez. de UEA. Do la Eo-radiostacio sub auspicoj de UEA nun ekzistas. Nun oni transformas ĝin al forta internacia sendejo, de kie ĉiutage la „Eo-ondoj" kuros tra la universo.

**Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE)** kreiĝas sub anspicoj de UEA; ĉefsekretario Sro Rousseau, 4 place de la Republique, Levallois Perret, Seine (Francio), kotizo jara duona dolaro; celo estas disvastigi kaj aplikigi Eon en sciencaj kaj teknikaj rondoj. 14—18a majo okazas internacia konferenco por uzado de Eo en sciencoj puraj kaj aplikataj. Oficiala organo estas „Scienca bulteno", monata aldono al „Esperanto" de Ĝenevo. — Estus dezirinde, ke ankaŭ katolikaj samideanoj kunlaborus al tiu grava entrepreno, por ke estu garantiata kompleta religia neŭtraleco. Anoncoj al la ĉefsekretario.

**Internacia studenta asocio,** kreiĝis post la Viena Kongreso kun celo disvastigi Eon en la universitatoj: sidejo en Warczawa, Lezna 28, Polio, sekretariejoj en diversaj landoj. Niaj junaj amikoj ne mankos, esti en rilato kun ĝi.

**Internacia radio-asocio** (sekretario, H. A. Eppton, 47 Chatswort rd, London E. 5) atingis ke la unua internacia kongreso de radio (dum pasko en Paris) uzas Eon por internacie diskonatigi siajn informojn. En la tagordon de la kongreso estas enmetita la demando pri internacia radio-lingvo.

**Verda Libertempo 1925:** unua provo tiuspeca: libertempejo ne en urbo, sed ekstere en la verda naturo kune kun disversnaciaj verdastelano: konsentita de UEA, projektata je kelkaj po dusemenaj kunvenoj (majo kaj julio) en belega regiono de meza Rhejno; prezo por dusemajna restado estos tre malalta. Anoncu vin tuj ĉe Sro Leono Funken. Floriusmarkt 7, Koblenz, Germ.

**Niaj tri grandaj organoj** estas: „Esperanto", Ĝenevo, oficiala organo de USA, monata, „Heroldo de Esperanto", Horrem, Germ., duonsemajna gazeto, tre aktuala, kaj „Literatura Mondo". Budapest, Hung., la lasta alportas literaturon kaj arton. Estus dezirinde, ke la katolikoj pli agade tie kunlaborus, montrante en inda maniero la belecon de la riĉega katolika literaturo kaj arto.

**Naciaj Kongresoj:** Belga Kongreso: en Verviers, pentekosto 1925, Verviers estas belega urbo proksime de la Ardenoj; adreso „La Mutuelle", rue tranchée 50.

**14a Germana Kongreso** en Magdeburg 1925, dum Pentekosto, adreso: Sro H. Fuhrmann, Magdeburg, Friesenstraße 53. (Daŭrigota.)





## Naciaj abonejoj de K. M.

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn ĉe Sr. Cyr. Kuta, Wien, I., Schwertgasse 3, II.

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar, Mayr, Zŭg).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Hungario:** Fino Heleno Fiedler, Pecs, Fabriko Zsolnay.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benković, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Nederlando:** per nia poŝtĉeko No 2121, K. Mayr, Ika, Secr. Gen. Intern. Kath. Liga, Hoofddorp, Haarlemmermeer.

**Polio:** Pro Jak. Makara, Rzeszow, Matopolska.

**Rumanio:** Tria ordeno de Sankta Francisko, Cluj, Str. Consiliului 5.

**Usono:** Sro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Ill.

## Atentu niajn poŝtkontojn!

**Aŭstrio:** Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio:** 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc „Ika".
**Germanio:** Breslau 30.578, K. Mayr, Zug.
**Polio:** Warzawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando:** 2121, K. Mayr, „Ika" Hoofddorp.
**Svisio:** VII/1991 „Ika", Zug.

Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K.M., Wien, I., Schwertgasse 3 aŭ en C. O. „Ika", Zug.

## La abonprezoj por la jaro 1925.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . . / Aŭstralio . . . . | 2,50 ŝl. | 2 ŝl. | 3 ŝl. |
| Argentino . . . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . . . | 3,5 ŝl. | 2,5 ŝl. | 5 ŝl. |
| Belgio . . . . . . / Luksemburgo . | 12 b. fr. | 6 b. fr. | 15 b. fr. |
| Brazilio . . . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 16 ĉ. kr. | 10 ĉ. kr. | 20 ĉ. kr. |
| Danio . . . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . . . | 10 fr. fr. | 6 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| Germanio . . . . | 2,40 o. m. | 2 o. m. | 3 o. m. |
| Hispanio . . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . . | 3,00 o. kr. | 2 o. kr. | 4 o. kr. |
| Italio . . . . . . . | 12 l. | 5 l. | 15 l. |
| Jugoslavio . . . | 35 din. | 20 din. | 50 din. |
| Litovio . . . . . . | 6 lid. | 4 lid. | 8 lid. |
| Nederlando . . . | 1,50 fl. | 1,50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . . . | 3 zl. | 2 zl. | 4 zl. |
| Rumanio . . . . | 80 lev. | 30 lev. | 100 lev. |
| Svisio . . . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . . . | —,75 d. | —,50 d. | 1 d. |

Rimarko: Nia ekspedicio en Vieno Sr. Cyr Kutta, Wien, I., Schwertgasse 3, II havas enpagilojn por ĉiuj landoj kaj akceptas monsendojn, precipe el la orienteŭropaj ŝtatoj.

Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: D-ro Hloucha, Wien, XVIII., Semperstr. 36. — Presejo: Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.